25ª Jaro - Nº 2 (263) Jara Kotiz-Abono Fr 35.— Februaro 1939ª

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

DIREKTORO :
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK - ANTVERPENO

**Oficiala Organo de**

**Reĝa Belga Ligo Esperantista**
Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 36

**JAM NUN NI DIRU...**

## ĈIUJ AL LOVENO

Niaj legantoj jam alkutimiĝis trovi, unufoje en la jaro, kiel titolon de ĉefartikolo de nia revuo « Ĉiuj al... », sekvata de la nomo de belga Kongresurbo.

Ni tamen atentigas niajn legantojn ke, ordinare, ni metas tiun titolon nur en la monato antaŭ la Kongreso, ĉar ni ĉiam timas, ke, donante la konsilon tro frue, ĝi jam forgesiĝos antaŭ la ĝusta momento.

Se tiun jaron, ni deflankiĝas de kutimo, ne estas ĉar ni ne ŝatas kutimojn aŭ ĉar ni timus, ke kutimo tro regule respektata, iĝus tradicio preskaŭ deviga.

Se tiun ĉi jaron, ni deflankiĝis de supredirita kutimo, estas, ĉar ni mem devis deflankiĝi de nia intenco, organizi nian Kongreson en Hasselt, kiel ni tion promesis, dum la Kongreso de Charleroi.

Kaj rapide ni, en alia urbo, kiun ni devis unue elekti, ekkunmetis novan L. K. K., — kiu devis sin diri preta, por organizi nian jarfeston, en minimumo da tempo.

Ni trovis tian L. K. K. Ni tion jam skribis en nia antaŭa numero.

Ni trovis ĝin en Loveno, bela, malnova flandra urbo, kien, neniam antaŭe, ni iris por kongresi, kaj kiu certe havas multajn allogajojn, kiuj povas altiri niajn legantojn el Valonujo, kiel el Flandrujo.

Sed tie nun atendas tiu juna L.K.K., — ĉar estas fakto ke tiu L.K.K. ne nur estas nova, ĝi estas ankaŭ juna, (ĝi staras efektive sub la gvidado de nia juna amiko S-ro Maurice Wauters) —, kaj pristudante la pezan taskon, kiun ni metis sur ĝiajn ŝultrojn, ĝi rajtas fari al si la demandon :

« Ĉu tiu lastmomenta ŝanĝo ne influos la venadon al la Kongreso? Ĉu iuj, kiuj enskribiĝis por Hasselt, ne estos retenataj pro la ŝanĝo? Ĉu aliaj, kiuj intencis enskribigi sin, nun ne sin detenos? »

Ni, la malnovuloj jam en la movado, ni ne dubas pri tio. Ĉiuj niaj naciaj Kongresoj sukcesis. Ne estis escepto.

Unu estis pli multnombra ol la alia. Unu estis pli amuza aŭ pli interesa. Unu estis eble ankaŭ pli zorge organizita aŭ iu urbo prezentis al la L.K.K. kaj do ankaŭ al la Kongresanaro, pli da rimedoj, sed ĉiam, — ĉiuj povas tion atesti —, niaj Kongresoj sukcesis.

Sed tion ja ne scias, kun la sama certeco, tiuj novaj elementoj, kiuj plej grandparte neniam jam ĉeestis belgan kongreson kaj kies unua Kongreso estos kongreso, kiun ili mem helpis organizi.

Ili do rajtas dubi.

Sed dubo estas malbona, precipe kiam oni devas ion realigi.

Tial la belga samideanaro, devas preni sur sin, forigi, kiel eble plej baldaŭ, tiun dubon.

Tion povas ĉiuj, kiuj ne jam aliĝis al la Kongreso, sendante tuj, sen ia prokrasto, la ŝuldatan aliĝsumon al la poŝtĉekkonto de la Kongreso, en Loveno.

En la proksima numero, ni jam povos informi nian legantaron pri la tuta programo de la Kongreso.

Nun tio ne jam estas tute ebla, sed tio, kion ni jam scias pri ĝia kunmeto, sufiĉas por aserti, ke la Kongreso en Loveno enviciĝos, plenhonore, en la jam longan serion de niaj Kongresoj.

Tiuj, kiuj jam aliĝis, momente povas atendi por fari pliajn paŝojn, ĝis kiam aliĝiloj estos dissendataj, sed tamen ili ne forgesu, intertempe, varme propagandi apud amikoj kaj membroj de la grupoj, por ke ankaŭ tiuj ĉi, kiel eble plej baldaŭ, aliĝu.

Ju pli frue alfluos en Loveno la aliĝoj, des pli zorge povos okazi la teknika organizo.

La devizo do estas de nun kaj ĝis Pentekosto : Ĉiuj al Loveno por nia Belga Kongreso.

**Maur. JAUMOTTE.**

---

**Ne forgesu pagi vian kotizon**

# Pilgrimo al la tombo de Abato Aùstin Richardson

*Ni ricevis ankoraŭ pri tiu temo la jenan leteron, kiun ni volonte enpresas :*

Estimata Direktoro
de « Belga Esperantisto »,

La artikolo » Pilgrimo al la tombo de Abato Aŭstin Richardson », kiun mi jus legis en la decembra numero de nia revuo, tre ege trafis kaj interesis min, ne nur ĉar temis pri unu el miaj plej simpatiaj « foririntaj pioniroj », kiun mi mem tiel bone persone konis; ne nur, ĉar la artikolo estis el la plumo de nia malnova amiko kaj samideano S-ro Renaud Richez, kun kies fratino, la aminda S-ino Tasse, mi tiel ĝoje re-konatiĝis dum nia lasta Belga Kongreso en Charleroi (ni estis, ŝi kaj mi, la du solaj kongresanoj kiuj ankaŭ ĉeestis la 1-an Kongreson en Charleroi en la jaro 1911!); — sed ankaŭ, kaj ĉefe, ĉar mi mem faris tiun pilgrimon al la tombo de S-ro Richardson, jam la 3-an de Septembro 1913, tio estas du semajnojn post lia morto. En la detala raporto kiun mi tiam estis petita verki por « Belga Esperantisto » pri la Universala Kongreso en Bern, raporto kiu devis esti samtempe la temo de publika parolado kun lumbildoj en la tiama Altgrada Lernejo en la Gasthuisstraat, okaze de la dekjara ekzistado de la « Antverpena Grupo Esperantista », — mi menciis mian viziton al la tombejo de Bossey per la jena paragrafo:

« Post kiam fine, la lundon 1-an de Sept. vespere, mi forlasis la gastaman Kongresurbon, mi vizitis sinsekve, sur la vojo al Francujo, (dum la aliro mi estis rapide vizitinta Strasbourg kaj Basel), mi vizitis sinsekve la pentrindan Fribourg, kun ĝiaj riskemaj pendantaj pontoj, — la svarman, kompaktan Lausanne, kun ĝiaj mallarĝaj stratoj, ĉielaltaj domoj, kaj, de la pene suprenirita katedrala monteto, bela kompensa vidaĵo sur la lago Léman, — kaj la belegan Genève kun ĝiaj pontoj, ĝiaj promenejoj, ĝia kvieta blua lago kaj... ĝia iom malproksima «Mont Blanc». En la oficejo de U.E.A. S-ro Hodler plej afable donis al mi konsilojn pri la vizito de la urbo. Apud Genève, malproksime je unu horo da tramveturado, kuŝas kontraŭ la monto Salève la malgrandega vilaĝo Bossey, kie nun dormas eterne nia kara vicprezidinto de Belga Ligo Esperantista, nia bedaŭrata amiko pastro Richardson. Mi vizitis lian modestan tombon, redirante je lia memoro lian belan devizon: « Homo, estu homa! »

Mi povas ankoraŭ aldoni ke sur la tombo, tiutempe, kompreneble, nur staris ligna kruco, simple portanta la nomon de la mortinto: Aŭstin Richardson; ke ĝi estis jam ĉirkaŭita per kradbarilo kaj ke jam kreskis sur ĝi longaj herberoj kaj kelkaj sovaĝaj floroj blukoloraj, el kiuj mi forportis unu kiel memoraĵon.

Post la forlaso de la tramveturilo el Genève, mi ankaŭ estis piedirinta laŭ tiu montdekliva vojo al la vilaĝeto Bossey, mi vidis la malnovan preĝejeton kaj la tutapudan pastrejon kie mortis nia amiko. Mi vidis ankaŭ, iom ekster la vilaĝo, la domon de S-ino Milson, belan vilaon ĉe angulo de du vojoj. Je mia bedaŭro ŝi ne estis hejme, mi nur povis lasi mian karton.

Post ĉiuj tiuj rememoroj el jam longe pasinta tempo (25 jaroj de tiam forpasis), vi komprenos, kara Sinjoro Direktoro, ke la legado de la artikolo de S-ro Richez ege impresis min. Komplezu min, mi petas, per la enpresigo de tiuj ĉi aldonaj linioj.

Kun sincera danko,

Maria ELWORTHY-POSENAER.

3 Dec. 1938.

## Radio kaj lernejo

Ni jam atentigis pri la efika propagando, kiun faris nia Komisaro S-ro advokato Robert en la radiofoniaj rondoj.

Antaŭ kelkaj tagoj, li tre taŭge paroladis antaŭ la mikrofono de la franca I.N.R. por la lernejoj elsendoj.

Kaj lia propagando havos sekvon:

F-ino Antoinette Jennen, prezidantino de nia junularo, faros, ĉe la sama mikrofono, du lecionojn pri la Esperanto-gramatiko.

La unua leciono okazos la 10-an de Februaro, je la 14a horo (aŭ eble la 14a h. 20).

Ĉiu aŭskultu.

## ATENTU

Tiu ĉi numero de «Belga Esperantisto» estas la lasta, kiun ni sendos al tiuj, kiuj, intertempe, ne estos pagintaj sian kotizon por la jaro 1939.

## Niaj kotizoj

Ni memorigas ke la kotizo de Belga Ligo estas Fr. 35,—, al kiu tiuj, kiuj nekontentiĝas pri la simpla membreco de IEL, devas aldoni jenajn krompagojn :

| | |
|---|---|
| Membro-Jarlibro ....... | Fr. 20,— |
| Membro-Abonanto ...... | Fr. 50,— |
| Membro-Abonanto Heroldo . | Fr. 128,— |
| Membro-Subtenanto ..... | Fr. 175,— |

## Niaj ekzamenoj

Ni memorigas niajn gemembrojn, ke la unua ekzameno pri supera kapableco, laŭ la nova aranĝo, okazos en Bruĝo, la 5-an de Marto.

Se el aliaj urboj prezentiĝos sufiĉe multaj kandidatoj, la Ligo kompreneble organizos iom poste duan ekzamenon en alia urbo.

La kandidatoj sin do tuj enskribigu.

## Niaj korespondaj kursoj

Ĉiuj niaj legantoj, ĉiuj membroj de « Belga Ligo » scias, ke Belga Esperanto-Instituto eldonis, antaŭ kelkaj monatoj, du KORESPONDAJN KURSOJN, unu en flandra, unu en franca lingvo.

Gis pasinta monato, ni ne plu atentigis pri tiu ekzisto. La grupoj efektive en Oktobro reorganizis ĉiuj novajn kursojn kaj estas ĉiam preferinde alirîgi lernanton al parola kurso, ol varbi lin por korespondа.

Nun tamen, en la diversaj urboj, la organizitaj kursoj jam preskaŭ finiĝis aŭ baldaŭ finiĝos.

Estas la momento por daŭrigi nian propagandon en alia senco.

La KORESPONDAJ KURSOJ nun estas plej rekomendindaj por ĉiuj, kiuj deziras lerni Esperanton kaj kiujn ni ne povas direkti al kurso ordinara.

La KORESPONDA KURSO cetere estas tre malmultekosta: **Fr. 10.—**, por la kvin lecionoj, senditaj hejmen.

Tiuj, kiuj deziras apartan korektadon de siaj taskoj, pagu al la P. Ĉ. K. de B. E. I. sumon de Fr. 25,— anstataŭ Fr. 10,— kaj profesoro speciale priatentos tiujn lernantojn.

La membroj, kiuj deziras unuajn lecionojn por la propagando kaj por varbi novajn Esperantistojn, povas akiri tiajn je la prezo de Fr. 2.—.

Ĉiuj atentu do! Kaj ĉiuj kunhelpu!



La turo de Sta Gertruda preĝejo

# Unua Bulteno de la L. K. K.

La L.K.K. konsistas el: S-ro Wauters Maurice, prezidanto; S-ro Zichet Jozef, sekretario; S-ro Willot Willy, kasisto; S-ro Sprengers Eugeen kaj S-ro Stroobants Jacques, komisaroj.

— La adreso estas: Hotelo Ratteman. La p.ĉ.k. kiel ĉiam 11.19.10 (la konto jam funkcias).

— La L. K. K. sukcesis eldoni afiŝon montrante la belegan urbdomon de Loveno kaj surhavante, en verda preso: **28-a Belga Esp-o Kongreso 27-28-29 Majo 1939.**

Kelkaj sekcioj de R.B.L.E. jam ricevis ekzemperon, ili estas petataj ĝin elpendi en efikplena loko. Pliaj afiŝoj estos sendataj, post peto, sed oni menciu, kie ili estos elpendotaj.

— En oportuna tempo la L.K.K. sendos al la sekcioj aŭ al la grupoj da personoj, kiuj kongresos, urboplanon de Loveno, kiel ke ĉiu sciu, je sia alveno, la hotelon, kie deponi la valizojn.

— En la stacidomo dejoros personoj, kiuj donos eventualajn informojn.

# Loveno-Historia Skizo

Je la fino de la IXa jarcento, la malnova ĉefurbo de Brabanto estis nur loko sen granda graveco. Gia nomo estis menciita la unuan fojon kiam invadis la Normandoj. La plej malnovaj kronikoj, la jarlibroj de Fulda, de Réginon, de pastro de Prüm kaj la kronikoj de Sta-Vaast rakontas pri tiuj rabadoj. Arnulf de Karintio, imperiestro de Germanujo, de la gento de Karolo la Grando, venkis la Normandojn en 891 en loko pri kiu la historiistoj ne akordiĝas sed kiu situiĝas sur la lovena teritorio, maldekstre de la Dejlo.

Laŭ lastaj postserĉoj de la historiistoj, tiu ĉi batalo ne havis tiun decidan gravecon, kiun la germanaj historiistoj al ĝi atribuas.

En la plej antikvaj tempoj la maro iam estis, kie nun la urbo lokiĝas. La ĉirkaŭaĵo estis margolfo. Oni ja trovis en « Pellenberg », vilaĝo oriente de la urbo, sur montegaro « Loo bergen », grandan aron da konkoj. Ili estis elterigataj, kiam oni eklaboris al nova fervojo.

La alta parto de la urbo estis, antaŭ 12 jarcentoj, formata de arbaroza monto kaj la malalta parto konsistis el marĉa tero.

De tio devenis la flandra nomo « Loven » (loo = monto kun arbaro — ven = marĉo). La plej multaj historiskribantoj kiel Coropius Divocus, Justus Lipsius samopinias pri tiu devenigo. La franca nomo « Louvain » ŝajnas derivata de la latina: « Lovanium », kiu jam estis uzita en la XIa jc.

Romanaj kaj Gallo-Romanaj restaĵoj (monpecoj-argilaĵo-subtera konstruaĵo de vilao), kiuj estis trovitaj en la nuna urbo aŭ en ĝia ĉirkaŭaĵo pruvas, ke Loveno, jam en la tempo de la Roma imperio havis loĝantojn.

En la Xa jc. « Loven » ne plu estas menciata en la historio. Kredeble la urbo do nur en la XIa jc. ekestiĝis, per formiĝo de vilaĝo, ĉirkaŭ unua kastelo, nomita « Ten Hove » (proksime de la Granda Beginejo), poste per kampara popolo ĉirkaŭ dua kastelo, situata sur malgranda insulo formata de 2 brakoj de la Dejlo, tie kie nun staros la preĝejo Nia Sta Sinjorino.

La Sta Petro-preĝejo pli malfrue iĝis la vera kerno de la urbo. Tiu ĉi katedralo estis konstruita en 1015 de grafo Lambert I. Sur la bieno de la preĝejo Sta Petro vivis la « homines ecclesiae », sub protekto de la eklezio. Ili portis la nomon de « Petermannen » aŭ homoj de



Monumento je la honoro de la militviktimoj

Sta Petro. Ili ankaŭ estis liberigitaj de ĉiu takso kaj de ĉiuj aliaj impoŝtoj al la grafo, sed ili al li ŝuldis la militservadon.

Nun ankoraŭ oni parolas pri Petermannen, kiam oni celas la Lovenanojn, Sta Petro estas la patrono de la urbo. Loka biero ankaŭ nomiĝas « Peterman ».

La « familia » Sta Petro formis la kerno de la urbo loĝantaro kaj dank'al la la akirita graveco la grafo elektis inter ili la skabenojn.

La multaj ĉartoj, kiuj privilegiojn donis, aŭ dokumentoj starigante la urbojn, pruvas ke la movado de la burĝaro estis favorigata de la dukoj de Brabanto.

La civitanaj rajtoj (poorterschap) povis esti akirataj kontraŭ pago de unu « cyns » kaj tiu ĉi influo restis ĝis la fino de la XVIIIa jc. Tria kastelo estis konstruata en la XIIIa jc. sur alto je la nordo de la urbo (monto de Cezaro-Caesarsberg).

En la XIIa jc. la aferoj plivastiĝis, merkato estis starigata, haloj konstruataj kaj Loveno ĝis la XIVa jc. restis famekonata loko pro la drapindustrio.

La misuzoj de la patricioj ekigis ribeligon de la metioj, kiuj sin organizis post la venko de la flandraj urbaj demokratioj en Kortrijk en la jaro 1302. Tiu ĉi sociala milito okazigis la ekonomian falon de la urbo. Sed la starigo, en 1425, de katolika alternejo rekonatigis ĝin denove en modernaj tempoj. Je la fino de la XIXa jc. Loveno estis unu el la plej prosperaj urboj de la lando, sed nur tiam venas la

# BELGA KRONIKO

**Atentu !** Niaj membroj kaj abonantoj estas petataj repagi, kiel eble plej baldaŭ, sian kotizon, rekte al la kasisto de la grupo al kiu ili apartenas; se ili estas izola membro al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo 1337.67. Al la kotizo de la grupo aŭ de la Ligo (Fr. 35) oni aldonu la kotizon de I.E.L. se oni estas M.J., M.A. ktp.; oni eventuale ankaŭ aldonu la abonprezon por « Heroldo ». (Vidu kotizojn p. 7.)

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw ». Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj : Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 20a h. 30.

Sabaton, la 4-an de Februaro : en « Witte Leeuw »: parolado de S-ro Vermuyten, pri « Guido Gezelle ».

Mardon, la 7-an : Nova kurso en « Esperanto-domo ». (Prof.: S-ro H. Vermuyten).

Sabaton, la 11-an: en Hotelo « Métropole », Handschoenmarkt : Mitulvespero (kunveno je la 20a en la restoracio).

Sabaton, la 18-an : en « Witte Leeuw »: KARNAVALBALO (dezirata kostumo : reprezentado de rolulo el « Karmen ».

Sabaton, la 25-an : en « Esperanto-domo » : Ludvespero.

Sabaton, la 4-an de Marto : filmprezentado organizata de EKI en « De Ton ».

Sabaton, la 11-an de Marto : en « Witte Leeuw »: parolado de S-ino Schoofs pri « Modernaj Grandkonstruaĵoj ».

plej granda doloriga okazaĵo en ĝia historio.

La antaŭaj okupiĝoj ĉiam ŝparis la artajn heredaĵojn. La bruligado kaj prirabado de 1914 detruis por ĉiam grandegan kvanton de ĝiaj artobjektoj.

La 25an de Aŭgusto 1914, post okupigo de 7 tagoj, Loveno, sen militaj necesoj, estis bruligata. Multaj indaj konstruaĵoj, inter kiuj la fama biblioteko de la universitato kaj la Sta Petro-preĝejo, estis detruataj. La rabado de vendejoj kaj domoj daŭris kelkajn tagojn. Pli ol 1100 domoj estis defektitaj kaj pli ol 100 trankvilaj enloĝantoj mortigitaj. La urbo nun tute estas rekonstruita. La standardo de la malnova ĉefurbo de la duklando « ruĝa ŝildo kun arĝenta liniaro » estas la sama kiel tiu de la duklando Lotaringio (Lotharingen). Per publika letero de la 2-an de Marto 1926, nia Reĝa Moŝto Alberto I permesis al la urbo almeti la francan militkrucon kun palmo, en la lovenan ŝildon.

La devizo de la urbo: Loven boven altijd God Loven (Alten Loveno, ĉiam honori Dion) estas alludo al la nomo de la komunumo.

La koloroj de la urbo estas: ruĝablanka-ruĝa horizontale. La etendaĵo de la urbo estas: 424 hektaroj, kaj la enloĝantaro 39.000.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn » ĉe S-ano Jéhansart, place Simon Stevin. Tel. 318.23.

Kunvenoj kaj lecionoj de la kurso por progresantoj dum februaro 1939-a, ĉiuj en la Kunvenejo :

Mardon la 7-an : a) Kurso, 5-a leciono ;

b) Preparo de la balo. Prez.: F-ino Y. Thooris.

Mardon la 14-an : a) Kurso, 6-a kaj 7-a lecionoj.

b) Raporto pri la balo. Prez.: S-ro Ch. Poupeye.

Mardon la 21-an : a) Kurso, 8-a leciono. Gvid.: S-ro H. Van Roye.

b) Kantado, gvidado : S-ino Ch. Poupeye, ĉe la piano : S-ino H. Van Roye.

Mardon la 28-an : a) Kurso, 9-a leciono.

b) Parolado de S-ro G. Spoon : « Kio okazas en Poŝtoficejo ». Prez.: S-ro H. Van Roye.

Sabaton 11-an de februaro, je la 21-a en « Muntpaleis » — Palais de la Monnaie : GRANDA ĈIUJARA BALO DE LA GRUPO, kun baleto : « La Verda Stelo » kaj muzikakompanado de la « Banjoludantoj ». Tiu balo estos privata kaj do rezervata al la membroj aktivaj kaj apogantaj. La nombro de lokoj estas nepre limigata. Oni tuj enskribiĝu ĉe la organizantoj. La karto de apoganta membro por 1939 kostas 5 fr. pagotaj al la organizantoj aŭ al la P.Ĉ.K. de la grupo N° 2340.04.

BIBLIOTEKO : malfermata en la Sidejo ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : F-ino M. Vanden Berghe kaj S-ro K. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, quai de la Poterie, (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde :

Lundon, la 6-an de Februaro : S-ro Vogelfang parolos pri literaturo esperantista.

F-ino Jennen faros paroladon en la klubo « La Besace », Uccle, pri la « Balearaj Insuloj » kun ĉefa celo : propagandi por Esperanto.

Dimanĉon, la 12-an : Vizito al la tombo de S-ro W. Vander Biest. Kunveno je la 2 1/2 ĉe la enirejo de la tombejo. Poste promenado tra la kamparo.

Lundon, la 13-an : Ludvespero sub la gvidado de F-ino Kestens.

Lundon, la 20-an : Kantvespero : S-ino E. Staes, F-ino Pierre kaj S-ro Vanderstempel gvidos.

Lundon, la 27-an : Debato : S-ro Castel enkondukos.

## GRUPAJ RAPORTO

ANTVERPENO. — *Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».* — La 31-an de Decembro, kompreneble ne okazis kunsido, sed la 7-an de Januaro, la membroj intime kunvenis en la « Esperanto-Domo ».

La 14-an, F-ino Mathilde Hofkens faris bonegan paroladon pri la « Legmetodoj en la Lernejo » kaj interesis, de la unua momento ĝis la lasta, ĉiujn aŭskultantojn per la komparaj klarigoj, kiujn ŝi donis. S-ro Jaumotte substrekis, per kelkaj laŭdaj vortoj, la aplaŭdon de la multnombraj membroj.

La 21-an, pro neĉeesto de la Prezidanto, S-ro Faes gvidis la parolatan ĵurnalon al kiu ne partoprenis multaj gemembroj, sed kiu, malgraŭ tio, iĝis tamen tre interesa.

La 28-an, okazis en « Witte Leeuw » la ĉiujara ĝenerala kunsido de la societo.

La 29-an okazis la jara festeno.

Pri la du lastaj okazintaĵoj ni reparolos en nia sekvanta numero.

BRUĜO. — *Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.* — La 20-an de Decembro, pro ege malvarma vetero, nur ĉeestis dek ok kuraĝaj fideluloj, al kiuj F-ino Thooris diktis la poezion « La Vojo » kiel pliriĉigo de la kantrepertuaro.

La lasta kunveno de la jaro okazis la 27-an en « Brangwyn », kie pli ol tridek gemembroj gaje kunsidis je vespermanĝa tablo kaj « honorigis » mitulojn kaj fritaĵojn terpomojn. Diversaj toastoj estis elparolataj de pluraj gemembroj. Poste plej amuza dancado efike kunhelpis al la bona digesto.

La 3-an de Januaro, komenciĝis nova kurso por progresantoj. S-ro Poupeye gvidis la unuan lecionon kaj poste F-ino Thooris esprimis ĝeneralajn novjarbondezirojn kaj faris la kutimajn komunikaĵojn.

La 10-an, dua leciono de la supera kurso estis donata de S-ro Poupeye, post kio F-ino Thooris diktis plian kanton : « La Sankta Nokto ».

La 17-an, F-ino Thooris gvidis trian lecionon de la supera kurso kaj la fino de la vespero estis dediĉata al kantado sub gvidado de Ges-roj Van Roye.

Krom tio okazis ankoraŭ la provludoj de la baleto sub gvidado de S-ro P. de Vooght kaj de la banjoludantoj sub gvidado de S-ro R. Pardon, ĉio prepare al la granda balo de la 11/2.

BRUSELO. — *Esperantista Brusela Grupo.* — Pri la festeno kiu okazis dum Decembro, ni diru ke F-ino Jennen, prezidantino, estis ĉirkaŭata de S-ro Grauls, direktoro ĉe la ministerio de Publika Instruado, de D-ro Kempeneers, honora prezidanto, Advokato Robert, S-ino Staes, F-ino Obozinski, D-ro Maes, S-ino Kempeneers, S-ro Wauters el Antverpeno, F-ino Kestens, S-ino Plyson, S-ro Cogen, emerita vicprezidanto de

RBLE. S-ro Derks, S-ino Elly Staes, S-ro Alofs, S-ino kaj F-ino Derks kaj S-ro Vanderstempel.

Je la fino de la bonega festeno, paroladis F-ino Jennen, kiu dankis ĉiujn pro ilia ĉeesto. D-ro Kempeneers, S-ino Plyson, S-ro Grauls.

Aliflanke, S-ino Elly Staes bonvolis kanti, dum S-ro Vanderstempel pianoludis.

Fine D-ro Kempeneers montris siajn interesajn filmojn pri la naciaj kaj internaciaj kongresoj.

GENTO. — *Genta Grupo Esperantista.* — La ĝenerala Januaro kunsido okazis la dimanĉon 22-an, je 10 h. 1/2 en la « Tesalono Bortolo », Kortedagsteeg.

La kasisto faris raporton pri la mona stato de la grupo, kaj la prezidanto aldonis kelkajn vortojn pri ĝia celo. Post tiuj administraĵoj, venis akademia parto :

S-ro DE MAN faris komunikaĵon pri LA FERMINOJ DE KIRUNA (Laplando). Tiuj minoj estas la plej nordaj en la mondo : 68° je norda larĝo, tio estas je unu grado interne de la polusa cirklo. Tie, dum 40 tagoj, la suno ne malaperas sub la horizonton ; tie oni trovas senpagan tramon, kaj la plej nordajn montajn ŝnurvojajn vagonojn.

La apudaj montoj enhavas la plej riĉan ferminaĵon el la mondo : la ferenhavo de la minaĵo atingas 70 %. S-ro De Man priskribis ĝenerale la laborojn de elfosado (eksplode) kaj de ŝarĝado de la grandaj ferŝtonoj, ilian frakasadon kaj ilian reŝarĝon por eksportado (ĝis 7 miliardoj da kilogramoj en unu jaro). Ni aŭdis ankaŭ interesajn detalojn pri la socia vivo en Kiruna, la loka arto, kaj la progresemo de la loĝantoj. Tiu paroladeto de S-ro De Man, tre interese aŭskultita, estigis konversacion pri la nordaj landoj, dum kiu S-ino De Rijcke rakontis kelkajn amuzajn detalojn pri vojaĝo kiun ŝi faris, antaŭ kelkaj jaroj, okaze la Stockholma Kongreso, en la nordaj regionoj.

Ĉar S-ino De Rijcke havas la agrablan specialecon gajigi niajn kunvenojn, ŝi, poste, diris esperantan tradukon de angla monologo « NEKOMPRENEBLECO » : ŝi ridigis la ĉeestantojn dirante la diferencojn de sintenado de angloj, italoj, germanoj, francoj, en diversaj cirkonstancoj; la konkludo estis : tiuj diferencoj malfaciligas la rilatojn, ĉar ĉiu popolo vidas nur la malplej bonan flankon de la karaktero de alia; lerninte esperanton, oni pli facile komprenas la alian flankon.

S-ro Vandevelde priparolis la temon : « ĈU LA MARŜIPOJ POR VOJAĜANTOJ MALAPEROS PRO LA AERŜIPOJ »? Ekzameninte la ĝisnunan situacion de flugmaŝinoj por vojaĝantoj, je vidpunkto de la kostoj, kiuj estas tro grandaj por ke aerveturaj kompanioj povus daŭrigi sian agadon, la parolanto montris kiel la kostoj povus malgrandiĝi : li priparolis la rimedojn proponitajn, kaj eĉ parte uzatajn, por malgrandigi la tutan reziston de la aero, kiun la aerŝipo devas venki; malgrandigo de la venkota rezisto permesos pli grandan rapidecon, kaj pli granda rapideco permesos pli grandan nombron da vojaĝoj de unu aparato dum unu monato ; por difinita trafiko, la nombro de necesaj aparato dum unu monato; por difinita trafiko, la nombro de necesaj aparatoj estos do pli malgranda. Sekvis komparo, ĉiam je kosta vidpunkto, inter marŝipoj de la speco «Normandie» aŭ « Queen Mary », kaj projektitaj aerŝipoj por 150 vojaĝantoj, fluganta je la pohora rapideco de 330 kilometroj. Tiu komparo estas nete favora al la aerŝipoj.

Sed la antaŭvidata baldaŭa malapero de natura petrolo en la mondo povos redoni al la marŝipoj la superecon, kondiĉe ke ili uzu karbon anstataŭ krudan petrolon.

# Nia Karavano al Bern

Ni jam skizis grandlinie la planon de la karavano, kiun BELGA ESPERANTO-INSTITUTO organizos, kun la teknika helpo de unu el la plej famaj kaj seriozaj vojaĝagentejo, okaze de la Kongreso de Bern.

Ĉar verŝajne kuniros personoj, kiuj deziros fari malgrandajn ekskursojn, ankaŭ dum la kongresa semajno, ĉu ĉar ili ne havos okazon, por resti pli longtempe en Svisujo, ĉu ĉar, je iu tago, la programo ilin ne interesas, ni enŝovis, en ĉiu tago de la semajno, malgrandan programeron, kies prezo ni speciale mencias.

Jen do la programo :

**Sabaton, la 29-an de Julio :** BRUSELO, foriro je la 7a 57 kaj alveno en BERN, je la 20a h. 42. **VESPERMANĜO** (Diner) kaj **LOĜADO** en Bern.

**Dimanĉon, la 30-an de Julio :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

Ekskurso trame kaj ŝnurvagonare al GURTEN : sv. fr. 1,50; laŭ la BERNA KORNISO — belega vidaĵo sur la Alpoj kaj la Lago de Thoune (aŭtocare): sv. fr. 6,50.

**Lundon, la 31-an de Julio :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

Vizito aŭtoĉare al la urbo BERN kaj kuriozaĵoj : sv. fr. 3,50.

**Mardon, la 1-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

**Merkredon, la 2-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

Ekskurso al JUNGFRAULOCH, vagonare, via Thoune, Interlaken, Lauterbrunnen, Wengernalp kaj Kleine Scheidegg. Supreniro de la Jungfraŭloch, per la plej alta vagonaro de Eŭropo (3457 m.): sv. fr. 38; kun la « lunĉo » : sv. fr. 40.

**Jaŭdon, la 3-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

*Liberaj ekskursoj :* Ĉirkaŭiro de la Lago de Thoune : sv. fr. 6; laŭdezire en aŭtoĉaro (por ĉirkaŭiro vagonare aŭ ŝipe ĝis Interlaken).

*Ekskurso al la BLUA LAGO* per la « Flèche Bleue » de la fervojo de Loetschberg, laŭ la Valo de la Kander ĝis Kandersteg kaj la romantika BLUA LAGO : sv. fr. 7,50.

*Ekskurso al la NIGRA LAGO :* aŭtoĉare laŭ la Banej de la Gurnigel — vido al la Alpoj — malsupre de la montaro de Stockhorn ; malsupreniro al la NIGRA LAGO, reveno via Fribourg : sv. fr. 7,50.

**Vendredon, la 4-an de Aŭgusto :** en BERN : tri **MANĜOJ** kaj **LOĜADO.**

*Liberaj Ekskursoj :*

INTERMONTO (COL) DU PILLON : Montreux; Kastelo de Chillon, reiro via Fribourg : sv. fr. 19,50.

INTERMONTO « COL DU JAUN » al la pentrinda regiono de la Guère; reiro laŭ Fribourg; poŝta aŭto : sv. fr. 15.

*Aŭtoĉara EKSKURSO AL MONTO CHASSERAL :* vidaĵo sur la Lagoj de Bienne, Neuchatel kaj Morat : sv. fr. 8

*Ĉirkaŭiro de la SCHALLENBERG,* laŭ la Valo de l'Aar, reiro laŭ la bela Valo de la Emme : sv. f .r6,50.

*Ekskurso al la Monto NIESEN,* vagonare (alteco 2300 m. belega panoramo): sv. fr. 10.

*GRANDA ĈIRKAUIRO DE LA ALPOJ :* vagonare kaj poŝtaŭte; la plej bela ekskurso laŭlonge de la Bernaj lagoj, laŭ la alpaj vojoj, al la Glaciejoj de la Rhône, la interkrutejoj (« gorges ») de la Schoellenen, la Lago de la IV Kantonoj. Reiro laŭ la Valo de la Eemme : sv.fr. 23.

**Sabaton, la 6-an de Aŭgusto : MATENMANĜO.** — Foriro al Basel matene. — **TAGMANĜO** en Basel — poste daŭrigo al BRUSELO. La **VESPERMANĜO** (Dîner) okazos en resporaci-vagono. Alveno en BRUSELO je la 22 h. 55.

**PREZO DE LA VOJAĜO :**

**Kategorio I :** Hoteloj BELLEVUE, PALACE kaj SCHWEIZERHOF : b.fr. 1350.

**Kategorio II :** Hoteloj BRISTOL, BAEREN, BEAU SITE, CITY, GOTHARD kaj SAVOY : b. fr. 1.295.

**Kategorio III :** Hoteloj BUBENBERG, DE LA GARE, JURA, METROPOLE, WAECHTER, DU SAUVAGE, GURTEN KULM : b. fr. 1.150.

**Kategorio IV :** Hoteloj DU CERF, NATIONAL, RUOF, SIMLON ; Pensionoj : VILLA FREY, BOIS FLEURI, EDEN, ELITE, HERTER : b. fr. 1.050.

Tiuj prezoj estas kalkulitaj kun tiketo 3-a klaso. Por tiketo 2-a klasa inter Bruselo kaj Basel kaj ree : krompago **b. fr. 115.**

## FAMILIA KRONIKO

**KONDOLENCOJ :**

— Al F-ino L. Meeuws kaj al S-ro G. Meeuws, gemembroj de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia onklo kaj frato : S-ro Joseph MEEUWS, 3-1-39.

— Al Ges-roj K. Decoster-Billiet kaj al Ges-roj J. Decoster-Verhelst, komitatano kaj gemembroj de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia patrino, bopatrino kaj avino : S-ino Virginia DECOSTER-CORNETTE, 3-1-1939.

— Al Ges-roj Sylvain Dervaux-Redig, Honora Prezidanto kaj membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia fratino kaj bofratino : F-ino Sérène DERVAUX, 15-1-39.

# Esperanto en granda Filmo

*S-ro Scherer aperigis en « Heroldo de Esperanto » jenan artikolon pri la uzo de Esperanto en grava filmo, baldaŭ aperonta, kun la espero ke la Esp.-revuoj ĝin uzos :*

Alvenis centoj da leteroj (1) kun gratuloj al s-ro Brown kaj al mi kun diversaj demandoj. La ĉefaj demandoj estas: KIAL la filmfarejo M.G.M. uzas Esperanton, kaj KIAL estas uzata tia **stranga titolo???** Ĉu la malamikoj de Esperanto ne havos oportunon por diri « Jen vidu — idiotoj parolas Esperanton en filmo »...?

Tiujn ĉi demandojn mi povas respondi nur en konfidenca letero al la gesamideanoj, kaj tradukoj estu farataj nur de tre spertaj ĵurnalistoj kiuj bone komprenas la publikon kaj la nacian sentadon en la nuna periodo.

Sekvos aliaj artikoloj pri intervjuoj kun la reĝisoro, pri interbabiladoj kun Norma Shearer, Clark Gable, Joseph Schildkraut, pri la instruado de la Esperanta teksto al la geaktoroj, pri la filmado mem ktp. (Dum du monatoj mi konstante estis kun la filmsteloj kaj povis al ili paroli pri Esperanto, pri la utilo de nia lingvo dum miaj mondvojaĝoj, pri la stulteco de kunvenoj de ĉefministroj kiuj ne parolas neŭtralan lingvon ktp.

Sed mi ne havis la permeson de la filmfarejo aperigi iajn artikolojn antaŭ la apero de la filmo sur la usonaj ekranoj. La filmo aperos plej verŝajne dum januaro aŭ februaro, kaj en Eŭropo dum la printempo. Pro la sensacia aktualeco de la enhavo, la filmo eble aperos en la eŭropaj ĉefurboj jam en la malfrua vintro.

Car mi ricevis salajron de M.G.M., mi devis, kompreneble, obei, kaj ne povis tute libere agi kiel sendependa ĵurnalisto. Sed post apero de la filmo mi povas informi la mondon pri ĉiuj detalajoj. Dume mi komencas hodiaŭ per « klarigoj pri la KIALoj ».

Mi devas konfesi ke la titolo estas tikla. Pri tio mi klarigos pli sube. Same tikla estas la KIALo, pro kiu oni uzis Esperanton. Pro tio mi devas petEGi la samideanojn ke ili estu prudentaj, kaj ne detruu la propagandan valoron de la filmo por Esperanto per aperigo en naciaj gazetoj de la tiklaj KIALoj en ĉiuj detaloj. Kiel mi jam diris, nur spertaj ĵurnalistoj, kiuj konas la emociojn kaj sintenadojn de siaj patrolandanoj, kuraĝu ion traduki.

Kaj ĉiuj Esperantaj gazetoj, kiuj deziras informi siajn legantojn, nepre ankaŭ aldonu koncernajn avertojn (esperantlingve) pri la danĝeroj.

★

La filmo portas la saman titolon kiel sensacia teatraĵo kiu montras la terurajn rezultojn de senbrida armado. Agento de municio-fabrikoj kaŭzas « incidentojn » alterne en diversaj mondpartoj, por ke la registaroj mendu pliajn mortigilojn. La agento tamen senkulpigas sin per la demando kiuj estas la pli grandaj kulpuloj: la fabrikantoj aŭ la aĉetantoj kiuj UZAS la mortigilojn.

Fine aeroplanoj, tuta armeo da ili, eksplodigas najbarlandan grandurbon kun miriga akurateco. Spite de sufiĉe frua mallumigo de la ĉefurbo, la bombardado sukcesas kun neimagita, timiga precizeco pro tio, ke agentoj kaj spionoj ekbruligas domojn, tiel ke vidiĝas kolosa fajra kruco en la urbo. Helpe de ĝi facile detruiĝas la plej gravaj distriktoj.

Norma Shearer kaj Clark Gable, du usonanoj, kaj aliaj turistoj estas kaptitaj en sennoma eŭropa lando kie la loĝantoj ĉiuj parolas Esperanton inter si. Homaj emocioj alternas kun klopodoj amuzigi la malfeliĉulojn per dancoj kaj prezentaĵoj de ses mirinde belaj usonaj blondulinoj kiujn gvidas Clark Gable tra Eŭropo. Alterne ploras la koro pro emocio kaj jen ĝi ridegas pro tre amuzaj situacioj...

Estas vera Tragedio-Komedio... kiu estos sensacia sukceso, ne nur pro la du gravaj steloj, sed certege pro la sensacie interesa kaj aktuala enhavo.

Oni faris specialan eldonon por Eŭropo. Oni ellasis la plej fortajn kritikojn kontraŭ militaristoj. Sed la agoj en si mem montras jam sufiĉe la mizeron kaj donas la intencitan impreson. Hollywood finfine preferas mem ellasi tro « malafablajn vortojn » kaj sendi al Eŭropo perfektan, harmonian produkton, anstataŭ riski malartistan distranĉadon de la filmo per eltranĉado de nedezirataj frazoj.

Kaj nun en la « Sennoma Lando » la loĝantoj, oficiroj, hotelistoj ktp. parolas Esperanton. Neŭtrala lingvo por Sennomlando! Tiel la filmfarejo **volis eviti ofendon al iu eŭropa lando.** La teatraĵo mokas diktatorojn; la filmo nur montras la rezultojn de fanatika armado. En la teatraĵo la loĝantoj parolas okaze la lingvon de sudeŭropa lando; la filmo ne povas impliki kaj insulti iun ajn landon.

Verŝajne neniu lando kun diktatoro permesos la montradon de tiu ĉi filmo. Tamen la filmkompanio ne volis eĉ riski malpermeson de la filmo pro insulto al eĉ nur najbara lando.

Kaj do... ĉu ne mirinda solvo?... la filmreĝisoro Brown pensis pri la uzo de Esperanto. Dum dek jaroj mi denove kaj denove rekomendis nian lingvon por la filmo, kaj parolis kun diversaj reĝisoroj, steloj kaj eĉ kun la filmfareja prezidanto Carl Laemmle.

Kaj nun subite sukceso: Esperanto SERVAS kaj UTILAS por malrekte fari propagandon por PACO.

Mi ne ŝatas la ideon ke la publiko ekpensu ke Esperanto servus kiel **nacia** lingvo de iu certa lando; kaj mi ne ŝatas ke la loĝantoj de **militema** lando uzu Esperanton.

Sed ni Esperantistoj devas esti pretaj pardoni la mallogikecon de la situacio. Fakte ni ja ne povus malpermesi la uzon de Esperanto al iu. Ni gajnos per tiu filmo..., se la gesamideanoj bone eluzos la bonŝancon.

200-300 milionoj da homoj, minimume, venos al la filmo « Idiot's Delight » pro tio ke ludas en ĝi DU gravaj steloj — Clark Gable kaj Norma Shearer. Mi dankis al ili, ofte dum la filmado, en la nomo de la tutmonda Esperantistaro pro tio ke per siaj arto kaj tutmonda famo ili logos centmilionojn da homoj al la kinejoj. Vole-nevole la publiko devos aŭskulti nian lingvon, kaj povos konvinkiĝi ke Esperanto ESTAS FAKTE bela, muzika kaj povas esti parolata same facile kaj fluege kaj nature kiel iu ajn alia bela lingvo.

Filmo tute en Esperanto ne helpus al la filmfarejo, ĉar venus tro malmultaj homoj; kaj tia filmo ankaŭ ne helpus al la Esperanto-movado (tiom kiom «Idiot's Delight » helpos), ankaŭ ĉar venus tro malmultaj homoj.

Aliflanke filmo, en kiu Esperanto estas nur parte uzata, multe pli helpos al nia movado en la nuna momento. Ni ne estu tro egoistaj postulante jam nun filmojn tute en Esperanto. Ni estu dankemaj pro la bonŝanco kiun prezentas al ni M.G.M. Nia movado ŝuldos senfinajn dankojn al la du steloj, al la reĝisoro kaj al la filmfarejo, ĉar la kombino de ili allogos centmilionojn da kinovizitantoj.

M.G.M. aĉetis la filmrajton de «Idiot's Delight » por sumo ne publike konata, sed tamen estimata je cent mil dolaroj, aŭ eble eĉ $ 150,000.—. Okaze de la aĉeto de la filmrajto neniu pensis pri Esperanto. Nur kiam montriĝis la malfacilaĵo pri la lingvo, la estroj komencis pripensi. Kion fari?

La filmrajto estis kolosa kosto... kaj oni ne volis forĵeti ĝin pro la tikla lingva problemo. Tamen dum kelka tempo la aĉetita filmrajto aspektis kiel neuzebla « blanka elefanto ».

Filmo tute en Esperanto estas ankoraŭ tro antaŭtempa.Sed kial ne **eksperimente uzi Esperanton? Tio ŝajnis esti pli bona solvo ol fabriki lingvajon.**

Estus pli danĝere fabriki lingvajon, ĉar certege ĝi estus tro simila al jam ekzistanta nacia lingvo. Kaj certege tiu lando plendegus ke oni insultis ĝian nacian honoron. Krome la fabrikado de tia lingvo kostus pli da tempo kaj mono ol simpla uzo de jam uzata lingvo, kiu estas **KONATA KIEL NEUTRALA LINGVO,** kiel nia Esperanto.

Eĉ se la rusa lingvo estas simila al la pola, Polujo ne povus protesti dirante ke oni ofendis Polujon per la uzo de la tro simila rusa lingvo. Same neniu lando povos plendi ke oni emis insulti ĝin per la uzo de la trosimila Esperanto.

Do Clarence Brown decidis uzi Esperanton. Pro tio li fariĝis unu el la plej gravaj patronoj de la Esperanto-movado. Mi volus preskaŭ nomi lin **« film-onklo de la Esperanto-movado ».**

---

(1) La leteroj kun tre multaj subskriboj faris la plej grandan impreson.

Aliaj filmfarejoj sekvos, same certe kiel sekvos nova tago post vesperiĝo. Sed Clarence Brown estos nomo kiu restos fama en la Esperanto-movado por ĉiam. Pri miaj intervjuoj kun li dum kunlaborado ĉe la filmigo de « Idiot's Delight » mi verkis apartan artikolon. Nur mi ankoraŭ ne rajtas sendi ĝin al « Heroldo » kaj, pere de ĝi, al la Esperanto-gazetaro.

★

Kaj nun pliajn klarigojn pri la **titolo «Idiot's Delight»**. La titolo havas valoron de kelkaj centmil dolaroj. La teatraĵo estis sensacia sukceso en multaj mondpartoj kaj precipe tra tuta Usono. Ŝanĝo de la titolo en Usono estus sensenca, kvankam eĉ en Hollywood neniu scias ekzakte kial la aŭtoro de la teatraĵo elektis tiun titolon.

Ŝajnas al mi ke la aŭtoro volis diri, ke tro fanatika armado estas amuzo de idiotoj. Sed malamikoj de Esperanto povus rikane kaj malice diri, ke en la filmo idiotoj parolas Esperanton.

Pro tio, en la traduko de la titolo, mi preferas uzi la **adjektivan vorton** «idiota» kaj pliklarigi la duan vorton por montri pri kio temas: « militamuzo ».

Certe la titolo « **Idiota Militamuzo** » ne aludas al la Esperantistoj. Sed ĝi povus havi danĝeron por la filmo. La kinoteatroj en certaj landoj eble preferos NE mencii la vorton « milito » por ne akiri la antagonismon de sialandaj armeestroj. Kaj en tiuj landoj, kie oni persekutas pacifistojn, reklamo kaj varbado por filmo kun la titolo « Idiota Militamuzo » povus fari domaĝon al la loka Esperanto-movado kaj al la filmo. En tiuj landoj la iom pli nebula titolo « Idiota Amuzo » certe taŭgos pli bone.

Do « **Idiota Militamuzo** » aŭ « **Idiota Amuzo** » estu la titoloj por la kolosa mondfilmo « Idiot's Delight » depende de la landoj, en kiuj loĝas la samideanoj. Estos pli bone ke la samideanoj sukcesu allogi ĝeneralan publikon grandamase al la filmo (por varbi por Esperanto kaj por la pacideo)... anstataŭ akiri la persekutadon de la loka klubo kaj eventuale — ĝuste per nia klopodo — malpermesigon de la filmo.

Pro tio mi ne povas sufiĉe forte ripeti kaj ripetadi, ke niaj gesamideanoj estu PRUDENTAJ, saĝaj kaj diplomataj.

Sen prudento nur domaĝo estas farata, kaj nenio gajnata. Ni ankaŭ montru dankemon al la filmfarejo per saĝa eluzo de nia oportuno. Klarigoj kaj argumentoj en tiu ĉi artikolo kompreneble ne estu transdonataj al la cetera publiko.

★

Mi ŝatus vidi la suprajn klarigojn en aliaj Esperantaj gazetoj sed ĉiam KUN AVERTOJ pri danĝeroj evitindaj (eĉ se la artikolo aperas en ekstrakto aŭ nur parte). Kaj estus tre preferinde ne traduki ion por naciaj revuoj. Taŭgaj artikoloj kun multaj interesaj klarigoj pri la filmo mem aperos baldaŭ... kaj ilin vi povos traduki. Mi ripetas: agu prudente kaj diplomate!

## Inform-Bulteno de Epoko Libro-Klubo

De « The Esperanto Publishing Company Limited » ni ricevis la jenan leteron :

Estimata Samideano,

Ni notis, ke en la lastaj du numeroj de BELGA ESPERANTISTO, vi informis pri la ĉeso de la eldonado de la EPOKO-serio.

Tiu informo, tamen, ne estas tute ĝusta. Kiel vi vidos de la kunsendata bulteno, ni ĉesigos la libroklubon, sed ni daŭrigos la libroserion. Ni povas aldoni, ke ni jam ricevis tre multajn gratulojn pro nia decido daŭrigi la serion, eĉ kvankam la prezo estos iom pli alta ol antaŭe.

Ĉar ni havis klientojn en via lando, ni esperas, ke vi korektos la informon en la venonta numero de via ŝatata gazeto.

Plej sincere via,

C. C. GOLDSMITH, Sekretario.

***

El tiu bulteno, ni ĉerpas jenajn paragrafojn, kiuj interesos certe niajn legantojn :

Antaŭ 15 monatoj ni anoncis la starigon de la klubo kaj ni esperis ricevi sufiĉe da aliĝoj por ebligi la eldonadon de la libroj je tiu ege malalta prezo. Bedaŭrinde la projekto nur parte sukcesis. Kelkfoje ŝajnis, ke ĝi sukcesos, sed ĉiam venis novaj batoj, kiuj forŝtelis la lastatempan kreskon. Ekzemple, ni perdis 200 membrojn en Aŭstrujo, kaj poste 150 en Japanujo, ktp., sed interesos vin scii, ke la klubo eĉ nun havas pli ol 1200 membroj Ĉar ni bezonas almenaŭ 3000 membrojn, ni decidis ĉesigi la klubon post la apero de la sesa libro.

*Tio ne signifas, ke ni ne plu eldonos tiajn librojn.* Ili trovis tiom da aprobo, ke ni decidis daŭrigi la serion, sed sub novaj kondiĉoj. Post la sesa numero, ni presigos pli malgrandan kvanton, kaj pro tio la vendoprezo devas esti po 1s. 6p., plus afranko. Via kutima librovendisto sciigos al vi la prezon en vialanda mono. La libroj estas vendotaj kiel ordinaraj libroj, kaj aparta aliĝo ne plu estos necesa. Ni esperas, ke vi konsentos daŭre ricevi la librojn, kiuj aperos po 3 aŭ 4 en ĉiu jaro. Al la firmo, kiu liveras la librojn al vi, bonvolu sciigi vian jesan decidon.

« Sep Vangofrapoj » de Kario Aszányi, tradukita el la hungara lingvo de L. Spierer (la tradukinto de « La Knaboj de Paŭlo-Strato »). Supozeble ĝi aperos en Marto 1939.

La oka libro ŝajne estos: « La Perdita Horizonto » de Hilton, tradukita de G. Hinton.

Fine, vorton pri la celo de la Epoko-libroj. Lastatempe ni legis artikolon pri ili en kiu la verkinto plendas, ke ili ne havas altan literaturan valoron. Eldonante tiun ĉi serion, ni klopodas prezenti al niaj legantoj interesajn *distrajn* romanojn (tion ni ĉiam anoncis), kaj laŭ la multaj gratul-leteroj ricevitaj, ni ŝajne sukcesis. La granda nombro da aĉetantoj ankaŭ pruvas tion. Eldonante nur librojn, kiujn la ordinara homo ŝatas legi, ni povas presigi sufiĉe grandan nombron por ebligi la malaltan prezon de la Epoko-serio. Tiuj, kiuj volas havi librojn de pli alta literatura valoro, povas aĉeti la P.E.B.-serion aŭ aliajn librojn el la listo en la fino de la nuna volumo.

## Estraro de " Belga Ligo Esperantista"

**Prezidanto :** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)

**Vicprezidantino :** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)

**Vicprezidanto :** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)

**Sekretario :** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.

**Kasisto :** S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:** P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :** P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.